.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

PLENUMITA 08/08/2019 Kvarcenttridekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)



**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 840,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 312,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 295,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 233,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.80






En Paragrafo 141 P.A.G. klarigas ĉiujn kazojn kie oni povas aŭ ne havi senprepozician infinitivon kiel komplementon al substantivo kun verba radiko. Mi bezonus ĉi tie kopii la tutajn paĝojn, sed mi preferas konsili al vi, uzu tiajn nur se vi antaŭe ie renkontis ilin, kiuj ja kutime estas ĝuste uzataj. Jen du el la multaj ekzemploj: "La deziro REGI super la homoj" kaj "Donu al li la permeson RETROVENI". Se vi ne estas renkontinta tian nudan infinitivon, uzu prepozicion: "Lia miro PRI RICEVI la donacon".

Estas utila averti, ke estas facila fari eraron, kiam oni uzas reduktitan frazon subordan kun adverbo kun verba radiko, kiel en "RICEVINTE la mesaĝon, ŝi tuj decidis viziti lin". En ĉi tiaj kazoj la aganto en la subfrazo, do la subjekto de la ago en la participa adverbo, nome "kiu ricevis?", estas ĉiam la sama kiel la subjekto en la ĉefpropozicio, ĉi tie "Ŝi". Do se "Ŝi" decidis, "Ŝi" ankaŭ ricevis. Oni povus facile erari en kazoj kiaj "RICEVINTE la mesaĝon, ONI konsilis al ŝi tuj viziti lin". Same erara estas la jena frazo: "MI miris pri li retrovenante tiom baldaŭ" se estas "li" kiu retrovenis. En tiaj kazoj oni devas uzi alian strukturon, ekz."Mi miris, ke li retrovenis baldaŭ".

*Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 3a de aŭgusto estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, John Cassey, Chris Holliss kaj Ian Wylles *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Merle Packham mortis je la aĝo de 94



Ĉu vi konis/memoras Merle Packham? Ŝi estis esperantisto el la Nordaj Riveroj de NSK. Ŝi ankaŭ estis kvakero. Kvakera amiko de mi ĵus informis min, ke ŝi mortis la 4-an de junio en la malsanulejo St Vincent's, Lismore.



Informis *Jonathan Cooper*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Whyalla



La pasintan semajnon mi iris al la provinca urbo Whyalla kaj donis E-kurson, kiun ĉeestis du novaj lernantoj. (Bedaŭrinde mi ne havas foton). *Trevor Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# SAT kongreso






Du aŭstraliaj esperantistoj Debra McCarney kaj Franciska Toubale nun ĉeestas la SAT kongreson en Barcelono ( Hispanujo)
informis *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Supre estas ekzemploj de facilaj klubaj raportoj.

Ĉu la sekretario de via klubo povus sendi similan novaĵon pri via klubo?? rspring @tpg.com.au
Poste la mondo ekscios ke via klubo aktivas kaj AE daŭros *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu mi amas mian ĝardenon?



**ESPEREBLE NE !**

Antaŭ kelkaj semajnoj iu verkis en iu ĵurnalo pri la temo, ke la angla lingvo konfuzas ĉar ĝi donas en multaj kazoj plurajn signifojn al unu vorto. Ŝia ekzemplo estis la verbo "*to love*" (ami). kaj ŝi donis ok malsamajn signifojn. Ŝi menciis ke la Klasika Greka lingvo estis pli bona lingvo, ĉar ĝi havis por ĉiuj ok malsamaj signifoj ok malsamajn vortojn: *eros; philea; ludus; storge; agape; pragma; philautia;* kaj *mania.*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*



Unue ni notu, ke pro tio la angla lingvo estus malpli "bona" ol la malnovgreka: ĉiu lingvo estas perfekta esprimilo por siaj parolantoj. Ekzemple en la angla ĉiu parolanto scias kompreni la celitan signifon, per cirkonstancoj i.a. aliaj vortoj en la frazo. Ŝi pravus se ŝi dirus ke la angla estas malbona lingvo por servi kiel internacia lingvo kaj kiel interlingvo. La aliaj etnaj lingvoj havas multe malpli da tiaj signifovariecoj por unu vorto: ili inventis diversajn mallongajn alternativajn esprimojn por diferencigi, ekzemple la nederlanda diras por "mi amas cin sekse" (= "*eros*") *Ik heb je lief* = Mi havas cin amata, kion oni ne dirus al samfamiliano. Aliaj etnaj lingvoj uzas aliajn manierojn por distingi inter la pluraj specoj de "amo", ekzemple per afiksoj aŭ per kunmetaĵoj.

Ekzistas du precipaj specoj de amo, *eros* kaj *philea*, kiuj povus postuli la vorton "amo". Sed ambaŭ estas tre malsamaj aferoj. Ĉiu kiu iam (aŭ ofte) enamiĝis en reprezentanton de la alia sekso scias, kiom malsama tiu amo estas al la amo por siaj gepatroj aŭ gefiloj. Uzi la saman verbon por la du malsamaj "agoj" estas malĝusta, kaj preskaŭ krimo lingva . Malagrable nun la eŭropaj lingvoj uzadas la unu verbon por la du agoj, precipe ĉar en la kristanismo oni ne rajtis paroli pri la seksa amo, kaj do nun devas uzi la vorton "ami" de la samfamilia amoago.

Sed kion nun fari en la logika Esperanto? Ni ja devas havi du vortojn, sed Zamenhof neniam kreis ilin. Do kiu signifo ricevu la vorton "ami", ĉu la seksamo aŭ ĉu la familia amo? Pro praktikaj tialoj ni devas doni la vorton "ami" al la familia amo, ĉar ĝi priparolatas pli ol la seksa amo, eĉ ankoraŭ nun. Kiam ni en Esperanto parolas pri familia amo, ni do ne bezonas specifigi per iu ajn aldono. Oni do amas sian filinon. Kiam mi, viro, amas ies alian filinon, mi do devas specifigi, dirante mi seksamas ŝin aŭ mi amas ŝin erotike. Se iu viro amas sian filinon sekse, kio okazas kelkfoje, ni nepre devas diri ke li seksamas ŝin.



Tria speco de amo, malsama al la aliaj du, estas la amo por amikoj kaj aliies infanoj kaj aĵoj, kiel sian ĝardenon aŭ aŭtomobilon aŭ, eĉ, sian hundon. Ankaŭ ĉi tie la eŭropaj lingvoj ofte uzas "ami", sed en Esperanto ni havas specialan verbon por tio, nome "ŝati". Dum la historio de Esperanto la Esperantistoj ĉiam tre sentis la bezonon uzi "ŝati". Do neniu amas sian ĝardenon, sed ŝatas ĝin. Mi eĉ tre ŝatas mian katon, sed mi ne amas ŝin, normale.

Por la tria speco de amo ni en Esperanto jam solvis la problemon, neniam uzante "ami" por tiu ago sed la verbon "ŝati". Dum ni uzu la verbon "ami nur por la amo inter samfamilianoj, ni bezonas apartan vorton por tiu alia amo, la seksamo. Bonŝance ni jam havas, kvankam ankoraŭ ne oficiala, kaj bedaŭrinde ankoraŭ malmulte uzata, specialan vorton por tiu ago " sekse ami", nome la transitivan verbon "amori", kiel en "Ŝi nun amoras plu sian edzon, sed venos tempo, kiam ŝi ne plu amoros lin, eble pro amoro al alia viro, kaj tiam ŝi nur amas lin, kiel samfamilianon. Sed li jam ellonge ne plu amoras sian edzinon, ĉar li sekrete amoras alian virinon. Sed li plu amas sian edzinon, kiel samfamilianon (kaj eble kiel patron de siaj gefiloj). Sed aliaj edzoj ne nur ne plu amoras la edzinon, sed eĉ ne plu amas ŝin, kaj ili do rompas la geedziĝon kaj vivas aparte.



Se ni akceptas la verbon "amori" por la seksaj deziroj (aŭ simple por la specialaj fortaj sentoj), la vorto "amindumi" estas sensenca kaj devas esti "amorumi". En tia kazo oni ne povas "amindumi", ĉar la familia amo estas natura kaj ne kreebla.

Iu iam proponetis uzi "amegi" por ami erotike, kaj uzi "ami" por la samfamilianoj, kaj uzi "ameti" por "ŝati". Mi inklinas malakcepti tiujn uzojn, precipe ĉar ni plu volas distingi inter "ami"kaj "ameti" kaj "amegi" kaj inter "ŝati" kaj "sategi" kaj "ŝateti".

Do nun ni praktiku ŝati, ami, kaj amori !

*Marcel Leereveld.*

## SE ILI NUR KOMPRENUS !

Krom la dek-ses oficialaj, Fundament'ecaj reguloj gramatikaj ekzistas ankaŭ en Esperanto pluraj naturaj reguloj gramatikaj. Mi samopinias, kompreneble, kun preskaŭ ĉiuj aliaj Esperantologoj pri preskaŭ ĉiuj reguloj de Esperanto, Fundament''ecaj kaj naturaj, sed pri du aŭ tri mi havas malsaman opinion pri la praktiko de tiuj reguloj. Du el tiuj estas gravaj reguloj, nome la formo de la verba Pasiva Voĉo, kaj la signifo de la pasiva participo pasinttempa. Tiujn du regulojn miajn mi ne instruas al komencantoj, sed nur al progresintoj kaj spertuloj. Kaj mi devas instrui miajn opiniojn, ĉar neniu ankoraŭ penis serioze kaj science pruvi ke estas eraroj en miaj tezoj. Pro tio sendube miaj tezoj estas ĝustaj, kaj jam testitaj dum kelkaj dekoj da jaroj. Sed la plejmulto de la Esperantologoj plu havas siajn malmodernajn opiniojn pri tiuj du gramatikaĵoj, pro forta influo de la relativaj reguloj en la eŭropaj lingvoj. Se ili senigus sin de tiuj eŭroplingvaj kutimoj, ili komprenus kaj akceptus miajn tezojn pri tiuj gramatikaĵoj. Ekzemple ili malĝuste opinias, ke "estis manĝanta" kaj "estis manĝata" kaj "estis manĝita" konsistas el du verboj, ĉar la eŭroplingvaj identaĵoj konsistas el du verboj. Kaj ili malĝuste pensas, ke "estis manĝata" devas esti "estis manĝita", ĉar ili malĝuste pensas ke la eŭropa "eaten" estas en tiu kazo Pasinta Participo Pasiva. Se nur ili povus lingve eleŭropigi sin! Kaj se ili komprenus, ke la eŭropa "*eaten*" ne ĉiam estas pasinta participo sed nur Pasiva Participo !

*Marcel Leereveld.*



## KIO ESTAS PARTICIPO ?

Participo estas vorto kiu indikas agon kaj kiu difinas Substantivon kiu faras tiun agon, aktivan aŭ pasivan, laŭ la jenaj tri manieroj:

AŬ ĝi diras ke la substantivo faras nur la unuan parton de la ago;
AŬ ĝi diras la nunan senton pro la ago okazinta en la pasinteco;
AŬ ĝi diras la nunan senton pro la ago okazonta en la estonteco.

La unuan oni nomas la DAŬRA aŭ la IMPERFEKTA PARTICIPO: -anta kaj -ata.
La duan oni nomas la PERFEKTA PARTICIPO: -inta kaj -ita.
La trian oni nomas la PREDIKTA PARTICIPO: -onta kaj -ota.

"MANĜANTA KNABINO" estas knabino kiu parte manĝis sed nun ankoraŭ ne finis manĝi. Oni ne scias, ĉu ŝi finos la manĝadon.

"MANĜINTA KNABINO" estas knabino kiu sentas la rezulton de antaŭa manĝado, kiun ŝi komplete faris antaŭe.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

"MANĜONTA KNABINO estas knabino kiu sentas la efikon de anticipata manĝado.
kiu certe okazos.

"MANĜATA FIŜO" estas fiŝo kiu estas la objekto de manĝado kiu ankoraŭ ne finiĝis.

'MANĜITA" FIŜO estas fiŝo kiu "sentas" la efikon de antaŭa ago esti manĝata komplete.

"MANĜOTA FIŜO" estas fiŝo kiu antaŭe "sentas" la futuran agon de pasiva manĝado.

En Esperanto Participoj estas Adjektivoj indikantaj agon, same kiel "manĝema" kaj "manĝebla" estas adjektivoj indikantaj agon.

*Marcel Leereveld*.

**AVERTO**: Se vi uzas la modernan verban pasivan voĉon, ja per la sufikso "-ati" ĉe unu verbo, kaj se iu diras al vi ke tio estas eraro ĉar "-at-" signifas nekompletan agon, klarigu ke kiam "-at-" uzatas kiel verbo, kaj NUR kiel verbo, la Regulo pri Signiforeduktado forigis el la sufikso la signiferojn de tempo kaj daŭro kaj lasis nur la signifon pri pasiveco.

*Marcel Leereveld*



# Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, TEJO.




Eble gekaraj vi scias ke antaŭ hieraŭ en Slovakio kadre de la Internacia Junulara Kongreso juna bahaano iĝis prezidanto de TEJO: https://www.tejo.org/en/la-estraro-de-tejo-2019-2020/

Por en festa senco celebri en Adelajdo kaj por gratuli mian samreligianon kiu loĝas en Nederlando mi penas iniciati novan kursaron de Esperanto-lecionoj en la suda parto de nia bela urbo. Kontraŭ 200 'doloroj' miaj, t.e. kontraŭ 200 aŭstraliaj dolaroj, post nelonge aperos unu reklameto en *The Advertiser* (urba ĵurnalo) kaj en *The Southern Messenger* (loka ĵurnalo). Elektronika anonco kiel ero de *News Corp Australia* (la naskiĝurbo de Rupert Murdoch ja estas Adelajdo) daŭros dum unu monato. Kutime niaj diversaj kunlaboroj por allogi novajn lernantojn al vidalvidaj kursoj rezultigas malmulton. Kiel ajn, "ni semas kaj semas", ĉu ne? Jen la reklamo:

***Free tuition in Esperanto,***
***the international auxiliary***
***language of world peace.***
***Unaligned to politics or***
***religion. Noarlunga.***
***Paul. 0448515234***

**Kaj jen per fejsbuko miaj gratulvortoj al la nova estraro de TEJO:**

Gratulojn kaj sukcesojn al la nova estraro!
Antaŭ precize kvar monatoj mi havis la plezuron kongresi en Da Nang (9a azia-oceania kongreso & 37a komuna seminario). Alidirite, gekaraj, tre plaĉas al mi,

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

.**_Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero._** _rspring@tpg.com.au_

Aŭstraliano, vidi inter la TEJO-estraranoj tri aktivuloj el mia mondoparto: Hoan Tran (Ĝojo) kaj Mung Bui (Feliĉa) el Vjetnamio kaj Jung Yuro (Unika) el Sud-Koreio. Profesoro Renato Corsetti kaj movadano Ian Fantom malkaŝe skribas, ke la estonteco de Esperanto apartenas al Azio!

Vidu alineojn unu kaj ses sur paĝo 23:
http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/ESK-131-jun2018.pdf

Aparte mi bondeziras al via nova prezidanto kaj mia samreligiano. Joop, samkiel ĉiuj sekvantoj de Baha'u'llah, rigore respektas la neŭtralecon de la Movado rilate al aferoj religiaj. Saĝa decido viaflanke por prezidantigi lin, mi opinias.

Amike kaj ĝis la 10a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto – ie en Aŭstralio mi esperas, post tri jaroj.

Paulo (ne la Apostolo) Desailly
20 Woocalla street.
O'Sullivan Beach. 5166
Adelajdo *Paul Desailly*
UEA fakdelegito pri bahaismo. Aktiva membro de Pasporta Servo





# Hiroŝimo

La 6-an de Aŭgusto, 1945, antaŭ 74 jaroj, la urbo Hiroŝimo en Japanio estis atombombardita. Tiu ĉi dato neniam estos forgesita pro la tre gravaj konsekvencoj kontraŭ la vivo sur la Tero; unu el la plej tragikaj kaj plej gravaj okazaĵoj en la homa historio, kiu lasis neforviŝeblajn markojn sur la sorto de generacioj!

Kvankam ĝi okazis en la pasinta jarcento, la alvoko al tiu ĉi fakto ankoraŭ estas tre necesa. Tial aperas en la blogo de la verkisto Paiva Netto lia kontribuo per la artikolo "Hiroŝimo", kiu forte avertas kontraŭ la obstina emo de tiom multaj homoj detrui vivojn kaj ankaŭ la solan loĝejon disponeblan por la homaro: nian belan planedon, la Teron!

Bondezire, plej amike, *Maria Aparecida da Silva*
**Hiroŝimo** www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo



Turka-Stelo-044




**_Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE_**



# Financa komisiono de uea

## Evoluvojoj-raporto mallongigita

La Financa Komisiono de UEA ricevis de la komitato la taskon redakti konkretan laborplanon kun kostoj kaj alternativoj pri la ĉi-subaj punktoj, kiuj estas en dokumento sendita al la komitato de la prezidanto de UEA. La unua parto de la dokumento, ne kopiita ĉi tie, klarigas la malpliiĝon de membroj kaj de financaj rimedoj en la lastaj jardekoj.
Nun la komisiono volonte volas aŭskulti la opinion de la membroj pri la konkretaj punktoj. Ĉu vi havas ion por konsili? Se jes, skribu al <financa.komisiono@co.uea.org> . laŭeble temu pri konkretaj, mallongaj mesaĝoj. Dankon!



Por la financa komisiono de uea *renato Corsetti*

**Parto 2.**

**Evoluvojoj**

**2.1 La Centra Oficejo – dungitoj**

Granda parto de la jaraj kostoj de UEA estas ligita al la Centra Oficejo en Roterdamo: ne nur la salajroj, sed ankaŭ la kostoj de la domo kaj de la funkciado de la oficejo. Se oni volas signife ŝanĝi la financan bildon de la Asocio, oni devas konsideri alternativojn por la Oficejo. Unu el la bazaj demandoj koncernas la landon kaj urbon, kie UEA havas sian sidejon. Ĝia unua sidejo estis en Ĝenevo, Svislando; la decido transloki ĝin al Londono en 1936 provokis la t.n. “skismon” inter UEA kaj Internacia Esperanto-Ligo. La movo de Londono al Roterdamo en 1955 estis same motivita de financaj konsideroj. Ekzistas do precedencoj por la translokiĝo de la sidejo, kvankam ĝi certe estus komplika kaj kosta defio. La ĉefa argumento por translokiĝo estas la kosto de laborfortoj. Sube troviĝas tabelo de la averaĝaj salajroj en ĉiuj landoj de Eŭropa Unio, surbaze de datumoj el 2017.1 Ĉiuj landoj en lokoj 15-28 havas laborkostojn, kiuj estas malpli ol duono de tiuj en Nederlando.

Kompreneble, en aliaj mondopartoj ekzistas ankoraŭ multe malpli altaj laborkostoj. Oni devas tamen pesi kromajn faktorojn, unuavice la ekzisto de sendependa kaj bone funkcianta jura sistemo, relative manko de korupto, kaj ekonomia kaj politika stabileco. Krome, restas pli da esperantistoj en Eŭropo ol en ĉiuj aliaj mondopartoj kune. Tiuj diversaj konsideroj favoras, ke la sidejo de UEA restu en Eŭropo, sed sugestas ke oni donu seriozan konsideron al translokiĝo al unu el la mezeŭropaj landoj, unuavice Kroatio, Ĉeĥio, Slovakio, Pollando aŭ Litovio. Alternative, UEA povus gardi sian sidejon en Nederlando, sed limigi siajn dungitajn laborfortojn tie kaj utiligi kunlaborantojn kiuj loĝas diverslande kaj kunlaboras ĉefe elektronike. Jam de jaroj la redaktoro de la revuo ne plu laboras en Roterdamo, kaj kun modernaj rimedoj eblas sekure kaj facile trakti aliĝojn, pagojn ktp per reta konekto kun centra datumbazo.

Komuna inter ĉiuj variantoj estas la celo, ke iom post iom la kostoj en Roterdamo malkresku. Se la nunaj oficistoj akceptos la proponitajn novajn kontraktojn kun reduktitaj laborhoroj, UEA plu havos kvar dungitojn en Roterdamo, kvankam nur unu plentempan (la Kongresa Sekretario). Inter la tri partatempaj, unu (librotenisto) emeritiĝos fine de 2020, kaj unu (libroservisto) en 2024. Estus sencohave jam nun antaŭvidi, ke la koncernaj laboroj poste transiros al laborfortoj ekster Roterdamo, aŭ (se temas pri la Libroservo) solviĝos alimaniere (vidu poste). Ĉar la Centra Oficejo estas ankaŭ la sidejo de TEJO, gravas inkluzivi la gvidantojn de TEJO en ĉiuj diskutoj pri la estonteco de la Oficejo, kaj laŭeble alveni al komuna plano por ĝi.

**2.2 La Centra Oficejo – volontuloj**

Ĝis nun temis nur pri la dungitoj, sed ekzistas dua kategorio de laborfortoj, t.e. volontuloj. En 2016 UEA aĉetis la Volontulan Domon en Roterdamo por loĝigi volontulojn de TEJO kaj UEA, kiuj proponas sin por labori en la Centra Oficejo. Volontuloj restas grava parto de la laborfortoj de TEJO, kiu ade sukcesas ricevi subvenciojn por pagi ilian restadon por periodoj ĝis unu jaro. En malpli alta grado, ankaŭ UEA profitis de tiuj ebloj. Por iom vidigi la amplekson de la Volontula Servo de post la malfermo de la Volontula Domo, jen tabelo *[ĉi tie ne kopiita]* de la volontuloj, kiuj restis minimume unu monaton (multaj dum unu jaro):

Iom da konfliktoj estis konstateblaj inter la atendoj kaj bezonoj de la dungita stabo kaj la atendoj kaj bezonoj de la volontuloj, kaj se la du asocioj daŭrigos la uzadon de volontuloj en Roterdamo, estus bone repripensi la aranĝojn en la Centra Oficejo por faciligi la kunvivadon kaj taŭgan mastrumadon de la volontuloj (enkondukon, trejnadon, gvidadon, socian integriĝon k.s.).

2.3 **La Centra Oficejo – Biblioteko Hodler**

Unika valoraĵo de la Centra Oficejo estas la Biblioteko Hodler, kiu restas unu el la plej gravaj Esperanto-kolektoj en la mondo, sed por kies prizorgo UEA neniam trovas sufiĉajn rimedojn. La biblioteka kolekto dum multaj jaroj staris en la dua etaĝo de la domo, ĝis ĝia kreskanta pezo, kaj la neceso pli adekvate zorgi pri ĝia fizika stato, konvinkis la tiaman Estraron kaj Direktoron movi ĝin al alkonstruita alo en la teretaĝo. Tio estis grava paŝo por la sekurigo de la kolekto, sed por ĝia uzebligo multo restas farenda. Estas jam klare, ke la ĉefa respondeco pri la Biblioteko devus kuŝi nek ĉe la oficistoj nek ĉe la estraranoj, ĉar neniu povas dediĉi al ĝi la necesan tempon kaj atenton. Ekzistas verŝajne nur unu adekvata solvo: plene transdoni la kolekton al granda institucia biblioteko, ĉu universitata, ĉu publika. Tia biblioteko ne devus nepre troviĝi en Nederlando, aŭ eĉ en Eŭropo. La plej gravaj kondiĉoj, kiujn ĝi devus plenumi, estas la kapablo profesie prizorgi la kolekton kaj la preteco disponigi ĝin al esploristoj. UEA povus supozeble subskribi kontrakton kun la transprena biblioteko por daŭre nutri la kolekton per novaj verkoj, same kiel okazas nun. En epoko de retaj katalogoj kaj dokumentaj arkivoj, la kolekto estus konsultebla el la tuta mondo – multe pli kontentiga situacio ol la nuna. Se tio estas la celinda situacio, la demando estas, kiel atingi ĝin. Supozeble la unua paŝo devas esti la starigo de laborgrupo aŭ komisiono, kies sola tasko estas prizorgi la Bibliotekon kaj trovi por ĝi

taŭgan hejmon. Oni povus konfidi al tiu grupo la buĝeton de la Biblioteka Fondaĵo kaj doni al ĝi kelkajn gvidliniojn kaj temposkemon por la serĉado. Kredeble ESF pretus subteni tian iniciaton, ekzemple se necesus pagi vojaĝkostojn de ekspertoj por pritaksi la kolekton kaj konsili pri ĝi. Oni povus celi al la trovo de definitiva longperspektiva solvo ene de kelkaj jaroj. Evidente, se oni akceptus ĉi tiun ideon, ĝi kondukus finfine al la fortransporto de la Biblioteko el la Centra Oficejo. Tio ne nepre multe gravas por la demando, ĉu UEA plu tenu sian domon en Roterdamo – ekzistas ja multaj aliaj uzoj por la domo. Sed tia decido almenaŭ aŭgurus tempon, kiam la spaco nun okupata de la Biblioteko fariĝus disponebla por aliaj celoj.

**2.4 La Centra Oficejo – Libroservo**

Ekzistas du ĉefaj demandoj pri la Libroservo: ĉu daŭrigi ĝin entute, kaj se jes, kiel fari tion pli efike? La du demandoj estas tamen interligitaj. Oni ja povas argumenti por ĝia daŭrigo surbaze de ĝia kultura kaj strategia valoro, sed tiu argumento estus pli konvinka, se ĝi estus ligita al plano por la plivastigo de la vendoj kaj la malkreskigo de la stoko. Apenaŭ estas fortaj argumentoj por daŭrigo de la Libroservo kiel fizika vendejo kun montrofenestro ĉe Nieuwe Binnenweg. Surstrataj klientoj neniam estis grava parto de la vendoj, kaj la spaco estus pli enspeziga en alia formo (vidu poste). Pri ĝia daŭrigo kiel poŝta kaj reta vendejo, estas pli komplike veni al klara respondo. En la nuna interreta epoko, ne vere necesas havi pli ol unu grandan retan librovendejon, kaj tiu de Flandra Esperanto-Ligo estas verŝajne adekvata al la bezonoj, aŭ UEA kaj FEL povus kunigi la fortojn por modernigi ĝin. Estus finance avantaĝe por UEA transdoni la librovendadon al alia organizo, des pli se ĝi povus samtempe liberiĝi de almenaŭ parto de la stokoj. Kontraŭ tiu ideo, oni povus argumenti ke la Libroservo tamen alportas ion gravan al la publika bildo pri UEA, kaj ke ĝi estus pli forte kunligebla kun aliaj servoj, kiujn UEA liveras al siaj membroj. Retbutiko estas uzebla por vendi multajn aferojn, ne nur librojn, kaj vere moderna retbutiko kunligita kun la novaj datumbazoj kaj administraj sistemoj de UEA povus esti finance pli efika kaj sukcesa ol la malnova formo de la Libroservo. Se oni elektus daŭrigi la Libroservon kiel integra parto de UEA, tia retbutiko estus nepra, sed ankaŭ konkreta plano por movi la stokojn kaj la librovendadon al alia loko ol la Oficeja Domo. Ilustre, la ĉi-suba tabelo *[ĉi tie ne kopiita]* montras la koston de ekspresa sendo de 2-kilograma pakaĵo en 40 landoj tra la mondo.2 Evidente temas nur pri ĝenerala indiko pri relativaj kostoj, kaj oni devus konsideri ankaŭ aliajn faktorojn, ekzemple la fidindecon kaj rapidecon de la servo. Sed klare, se oni povus movi la Libroservon al lando kun bona poŝta servo, relative malaltaj tarifoj, kaj malpli kostaj laborfortoj, ĉiuj gajnus inkluzive de la klientoj. Se oni elektus daŭrigi la Libroservon, kaj se oni volus atendi ĝis la emeritiĝo de la nuna libroservisto por plene movi ĝin, oni povus tamen jam baldaŭ movi grandan parton, tenante kelkcenton de la plej vendataj titoloj en Roterdamo kaj liberigante la domon de ĉiuj aliaj. Tio multe helpus al pli fruktodona utiligo de la spaco en la Oficejo (vidu sube).

**2.5 La Centra Oficejo – luado**

Ĝis nun, temis pri la diversaj laboroj kaj funkcioj de la Centra Oficejo, pri kies estonteco la Estraro kaj Komitato devas nun strategie pensi. Restas konsideri la domon mem. Ĝi estas

relative granda, en populara kaj relative centra Roterdama strato, kaj do valora rimedo ankaŭ por UEA kiel domposedanto. Efektive, eĉ se UEA rezignus pri sia sidejo en Roterdamo, ĝi povus decidi plu gardi la domon kiel investon kaj trovi unu aŭ kelkajn luantojn por ĝi – certe ekzistas pli malbonaj investoj. Sed la demando pri luado ne limiĝas al la demando, kion UEA farus se ĝi tute ne plu mem okupus la domon. Ĝi povus ankaŭ parte okupi la domon kaj lui la aliajn ĉambrojn. Tion ĝi jam faras pri la Volontula Domo, kies teretaĝo ne estas uzebla por loĝado; la antaŭan parton nun okupas frizisto, lupaganta kelkcent eŭrojn monate. Eblas imagi ion similan por la Oficeja Domo, ĉu por la parto ĉe la strato kie nun troviĝas la Libroservo, ĉu por la unua etaĝo kie troviĝas la sekretaria kaj direktora ĉambroj. En 2017, la averaĝa luprezo por oficeja spaco en Nederlando estis €132 por kvadrata metro por jaro – sed kompreneble la prezoj de diversaj spacoj ege varias. Ni povas tamen kalkuli pri enspezo de kelkaj miloj da eŭroj jare por la luo de unu etaĝo en la domo. Se eblus trovi kiel luanton ekzemple neprofitcelan asocion kun similaj valoroj kiel UEA kaj TEJO, tia aranĝo povus esti eĉ plurrilate pozitiva – ne nur finance. La Oficejo enhavas ankaŭ du malgrandajn dormoĉambrojn en la supra etaĝo, kiujn dum jardekoj uzis volontuloj, gastoj, kaj novaj oficistoj. La urbo Roterdamo lastatempe striktigis siajn regulojn pri la miksado de oficejaj kaj loĝejaj spacoj, tiel ke UEA ne plu rajtas tie loĝigi volontulojn aŭ oficistojn. Ekzistas tamen ebleco, ke per investo de iom da mono en la plibonigo kaj apartigo de tiu supra loĝejo, la urbo donus permeson lui ankaŭ ĝin. Evidente, ju pli da spaco oni povas liberigi en la Oficeja Domo, des pli da ebloj ekzistas por luado. Tial la konsideroj en antaŭaj sekcioj pri translokiĝo de la Biblioteko kaj la stokoj de la Libroservo rilatas ankaŭ al potencialaj lu-enspezoj. La spaco en la Domo estas valora, kaj estas malŝpare uzi ĝin por teni skatolojn kaj paperojn nebezonatajn por la ĉiutaga laboro.

**2.6 Administra modernigo – datumbazoj kaj retejoj**

La lasta temo por ĉi tiu raporto estas la renovigo de uea.org kaj de ĉiuj komputilaj-programistaj funkcioj ligitaj al ĝi. Oni ne povas paroli pri eblaj evoluvojoj por UEA sen almenaŭ tuŝi tiun temon; kaj tiu ĉi estas oportuna okazo por priskribi la aktualan projekton, kiun kune subtenas la Estraroj de UEA kaj TEJO. Kvankam la projekto mem rigardas antaŭen, estas utile iom resumi la historion, ĉar ĝi montras la kompleksecon de tiu evolukampo. Jam en 2013 la Estraro decidis krei rezervon de 100.000 eŭroj por financi tian renovigon, ĉar tute ne eblus pagi tiun laboron tra la Spezokonto. Temas efektive pri grava kapitala investo por vasta gamo de agadoj, simile al la aĉeto de domo aŭ aŭto aŭ maŝinaro. La projekto tamen ne estis subtenata de la tiama Ĝenerala Direktoro, kaj okazis nur modesta renovigo de uea.org en 2014, kiun planis kaj realigis nia volontula ĉefprogramisto Andrej Grigorjevski. Tio ne postulis elspezojn el la rezervo. En 2016, kun subteno de la nova ĜD Veronika Poór, la Estraro mendis du preparajn studojn de Dima Ŝevĉenko (kiu analizis la ĝisnunan retejon) kaj Mario Belisle (kiu restadis en la CO dum unu semajno por intervjui la oficistojn pri iliaj bezonoj kaj deziroj). Bedaŭrinde Belisle neniam liveris la menditan raporton, malgraŭ ripetaj instigoj kaj admonoj, kaj do lia esploro ne estis uzebla laŭ la originaj intencoj. La raporto de Ŝevĉenko estis transdonita al la Estraro fine de junio 2016 kaj konfirmis la bezonon de ampleksa renovigo (ĝi estas legebla en la Komitata Teko). Surbaze de pliaj konsultiĝoj kun diversaj spertuloj kaj

respondeculoj, en januaro 2017 la Estraro faris malferman alvokon por "krei la novajn retejon kaj/aŭ administran sistemon de UEA" (Gazetara Komuniko 664) kaj poste elektis la sukcesan kandidatan teamon, kiun gvidis Ana Maria da Costa Ribeiro. Post kelkaj monatoj, du kunlaborantoj en la reteja teamo rezignis pri sia partopreno (temis pri la homoj taskitaj pri la merkatikaj kaj dezajnaj aspektoj). La programado de la nova datumbazo tamen antaŭeniris laŭplane, laŭ la projektaj raportoj. En februaro-aprilo 2018 Ana Ribeiro volontulis en Roterdamo por faciligi la konsultadon de la oficistoj pri la nova datumbazo. Tamen, malgraŭ diversaj konkretaj laboroj en tiu periodo, la atendata lanĉo de la nova datumbazo, kunlige kun nova membrospaco kaj aliĝilo, ripete prokrastiĝis. Okazis plia kunsido kun Ribeiro en Lisbono, kiu same ne alportis la deziratan progreson. Finfine la Estraroj de UEA kaj TEJO kune konkludis, ke necesas serĉi alian solvon. La plua laboro pri la projekto estas transdonita al nova teamo, kiun gvidas Mia Nordentoft – kompetenta datumbaza programisto kiu nun volontulas por TEJO en Roterdamo. La taskaro kaj labormaniero estas difinitaj per kontrakto aprobita de ambaŭ estraroj, kaj ambaŭ organizoj kontribuas al la kostoj. La kontrakto inkluzivas jenajn konkretajn laborojn: • Refari uea.org, inkluzive de aliro por membroj: membro.uea.org; • Ellabori novan membrodatumbazon kaj -API, kiu provizas sisteman aliron al la datumoj de la membrodatumbazo; • Ellabori novan uzantflankan sistemon, kiu anstataŭos la sistemon ĉe membro.uea.org; • Krei sistemon por la administrado kaj havigo de la revuoj de UEA; • Krei sistemon por ĝenerala kongresa aliĝado uzebla por TEJO, UEA, kaj iliaj aliĝintaj sekcioj; • Krei sistemon por la perantoj de UEA; • Krei novan administran sistemon por dissendi retmesaĝojn al diversaj retlistoj; • Krei donacvarban sistemon por UEA; • Krei voĉdonsistemon por organizi voĉdonon de Komitatanoj B (inkluzive de prezentopaĝoj de la kandidatoj).

La celo estas disponigi al UEA kaj TEJO plene modernan datuman sistemon kiun povus prizorgi iu ajn kompetenta programisto, surbaze de detala dokumentado; kiu ebligas doni al diversaj kunlaborantoj diversajn gradojn de sekura aliro; kiu estas sekure ligita al membrospaco kiu faciligas aliĝadon, pagadon, kaj interkontaktadon; kaj por kiu aliaj programistoj povas krei diversajn aplikaĵojn por poŝtelefonoj , tabledoj kaj similaj aparatoj. Kunlige kun tio, la enhavo de uea.org estos plene reorganizita por faciligi la retrovon de informoj kaj la aktivan partoprenon de membroj en la vivo de la Asocio. Laŭ la nuna antaŭvido, la ĉi-supraj sistemoj estos pretaj por lanĉo fine de 2020






*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au




Antaúlastan semajnon kelkaj Esperantistoj de sud-orienta Kvinslando kunvenis je Esperanto-Tago ĉe la hejmo de Linda & Petro Danzer. Foto montras gastigantinon Linda kaj eminentaj Esperantistoj, Ness & Erhard Claus.



Dua foto montras Paŭlo Howlett kaj Claire Anderson en profunda konversacio.
Sendis *Peter Danzer*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*